# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto: H. Hodler.†**
**Redaktoro: Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio: I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


# Luksemburgo

## Bildo el Luksemburg-Urbo

*La vorto Luksemburgo vekas impreson pri metalurgiaj uzinoj senripozaj, pri altfornoj neniam estingiĝantaj, pri komerca kaj industria movado sen halto. Sed meze de la grandduka lando, ĉirkaŭita de potencaj najbaroj, idilie situas la ĉefurbo kiel ripozopunkto de l'intensa vivo de laborema, pacema popoleto.*

**ENHAVO:**




**31-a Jaro Nº 422**

**OKTOBRO 1935**




# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra Jaro 1934/35
N-ro 11 — Oktobro 1935

*Al la Ĉefdelegitoj kaj Perantoj.*

FINKALKULO 1935. — Ni petas ankoraŭfoje pri tuja sendo de ankoraŭ reguligotaj spezofolioj por eviti labor-amasiĝon kaj komplikaĵojn okaze de la fino de la asocia jaro. Ni nepre bezonas la finkalkulon por pretigo de nia bilanco je la oktobro-fino.

ASOCIA JARO 1936. — Ni sendigas samtempe el la presejo de l'Belga Esperanto-Instituto en Antverpeno provizon da membro-kartoj, kvitancoj, kuponaroj por 1936.

La « Membrolistoj » kaj detala administra cirkulero kun ĉiuj necesaj instrukcioj sekvas el la Centra Oficejo.

TARIFO DE KOTIZOJ K.A. — Ni atentigas pri la rilataj sciigoj rektaj. La tarifoj en 1936 restos la samaj kiel tiuj en 1935.

*Jarlibro 1935 (Suplemento al 1934).*

Trian fojon ni sciigas, ke la suplemento 1935 al la jarlibro 1934 estos bonorde sendata al ĉiuj aktivaj membroj de 1935. La manuskripto estas en la presejo, sed oni bezonas la necesan tempon por presi ĝin. Ni petas pri iom da pacienco.

*Jarlibro 1936.*

Laŭ decido de la komitato de UEA en la kongreso en Romo *kompleta* jarlibro aperos en 1936. Ni kore petas, varbi energie aktivajn membrojn de UEA por la nova jaro. La manuskripto de kompleta jarlibro povos esti preta en marto 1936 ; la preso tamen dependas de la mono disponebla. Estus grava eraro, ja rekta malhelpo, atendi pri la subteno al UEA ĝis elveno de la nomita verko. Sen varbado intensa UEA ne havos sufiĉe da membroj, sen sufiĉa nombro da membroj ĝi ne havos sufiĉe da mono por realigi sian intencon.

*Nova sukceso ĉe la hungara poŝto.*

La efiko de nia alvoko en la julia numero (Komp. la « Of. Inf. », n-ro 9, julio kaj pĝ. 104(8) de « Esperanto ») spite al nia memorigo en la numero aŭgusto-septembro estis tre malgranda. Ni ankoraŭfoje petas pri vasta subteno de nia iniciato, alie ni riskas perdi sukceson nur pene atingitan. Plua progreso povas baziĝi nur sur la antaŭa.

Robert KREUZ, Direktoro.

10 oktobro 1935.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Aŭstrio**

*Liesing-b-Wien.* — D : Stefano Szabo, Grenzgasse 31.
*Schruns-Montafon* (Vlbg.). — D : Alfred Rabes, Postfach 14.

**Ĉeĥoslovakio**

*Gross-Schönau i. B.*, 520 : D : Franz Bayer, Bez. Schluckenau.

**Francujo**

*Beauvais* (Oise) : D : Léon Courtinat, 28, rue St-Laurent.
*Aix-en-Provence* (Bouches-du-Rhône) : D : Maurice Lair, 28, rue Roux-Alphéran.

**Germanujo**

*Dresden A.* 24 : D : Otto Wehlitz, Schnorrstr. 27.

**Hungarujo**

*Szentes* : VD : Miklos Czilezer, Szondy-u. l.

**Ĥinujo**

*Tientsin* : D : K. Z. Chang, Gherardi & Co., Ltd.

**Japanujo**

*Taihoku* (Taiŭan, Formoso) : D : Saburo Kai, Nacia Kolegio, 1 Suido-ĉo.

**Nederlando**

*Vught, N. Br.* : D : Frato Wigbertus van Zon « Huize Steenwijk ».

**Palestino**

*Jerusalem* : VD : J. Kohen-Cedek, Gymnasia Ivrith Rehavia Quar.

**Portugalujo**

*Penafiel* : VD : Manuel de Sousa Babo, R.S. Bartolomeu 17.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ :

*Ĉeĥoslovakio* : Hilgersdorf, Louny (VD) ; Uzhorod (VD).
*Finlando* : Salminen.
*Francujo* : Asnières, Carrières s. Seine, Courbevoie, Divonne, Ermont, Hyères (D) ; Ivry, Neuilly s. Seine, Suresnes, St-Etienne (D) ; St-Germain-en-Laye, St-Maur-des-Fossés, Vincennes (D).
*Germanujo* : Hagen (D) ; Kreuznach, Lübben, Gladbeck (D) ; Meissen (D) ; Offenbach, Zahn.
*Italujo* : Firenze.
*Nederlando* : Reusel, Wassenaar (D, VD).
*Nederlanda Hindujo* : Poerwokerto.
*Norvegujo* : Lillestrõm (VD).
*Usono* : Peoria, East Orange.

## ONI DANKAS !

*** F-ino Simone Lemaire, en Berck-Plage (Francujo), dankas S-ron Norton, del. UEA en Exter, kaj S-ron Lawrence, del. UEA Southampton, kiuj helpis ŝin antaŭe aŭ dum ŝia vojaĝo en Anglujo.

*** S-ro A. *Lesaffre* kaj lia familio en Don (Francujo) plej korege dankas al S-ino kaj S-ro J. S. Clough, Del. UEA en Folkestone, pro afabla helpo kaj gvidado dum libertempvojaĝo en Anglujo ; ankaŭ tre dankas S-inon kaj S-ron Woolgar, Del. UEA en Basingstoke, kiuj tiel afable faris longan vojaĝon por alporti al ili grandan helpon kiel tradukintoj per Esperanto.

## Niaj mortintoj

Dum vojaĝo en Francujo mortis en septembro 1935 subite Prof. D-ro LOUIS ALLEN de la Universitato de Toronto (Kanado). Nia movado kaj UEA perdas en li eminentan, ĉiam aktivan batalanton por Esperanto.
S-ro OTTO ED. KUNZ, Thun (Bern).
S-ro pastro MARIANO MOJADO, Madrid (22.4.1935).
S-ro A. HEIN, Hannover (2.9.1935).

R.I.P.

## D-ro Heinrich Arnhold †

Kun granda ĉagreno ni devas anonci, ke la 10 Oktobro mortis, subite, sekve de apopleksio, S-ro Konsulo D-ro jur. HEINRICH ARNHOLD, Bankiero en Dresdeno, en aĝo de nur 50 jaroj. Instigite de la fama pacifistino Bertha von Suttner, li fariĝis lernanto de S-ino Hankel en 1906. Li multe helpis antaŭenpuŝi Esperanton en idealaj kaj praktikaj kampoj. Li dumtempe estis kasisto de GEA kaj prezidanto de la Saksa Esperanto-Ligo. Li estis membro de la iama Konstanta Kongresa Komitato (KKK) ; ĉefe al li oni dankas la prezentadon de « Ifigenio » ĉe la Kvara en Dresdeno.

Post la milito li estis membro de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (KR), en kiu li reprezentis la Germ. Esp. Asocion. Li estis membro de la Lingva Komitato kaj, dum multaj jaroj, li estis patrono de la iama ICK. UEA nomis lin, pro liaj meritoj Honora Membro de la asocio.

Profunde interesita, fervora kaj ĉiam helpema esperantisto forlasis nin por ĉiam. La kremacio okazis la 14 Oktobro 1935. Pacon eternan al lia cindro ! Al liaj familianoj ni prezentas per tio niajn plej sincerajn kondolencojn.

# Esperanto en la Internacia Elektroteknika Vortaro



Section 05-20. — Electrocinétique — Electro Kinetics

| | | | |
|---|---|---|---|
| 05-20-005 | **Electrocinétique :** Partie de la science qui traite des phénomènes de l'électricité en mouvement. | **Electro kinetics :** Part of the science which deals with the phenomena of electricity in motion. | **Strömungslehre**<br>**Elettrocinetica**<br>**Electrocinética**<br>**Elektrokinetiko** |
| 05-20-010 | **Force électromotrice :** Cause ou action capable de maintenir une différence de potentiel électrique entre deux points d'un circuit ouvert, ou d'entretenir un courant électrique dans un circuit fermé.<br>En circuit ouvert, la force électromotrice s'évalue par la différence de potentiel qu'elle maintient.<br>En circuit fermé, elle est égale au quotient de la puissance instantanée par la valeur correspondante du courant dans ce circuit. | **Electromotive force :** Cause or action capable of maintaining electric differences of potential between two points of an open circuit, or of generating an electric current in a closed circuit.<br>In an open circuit, the electromotive force is measured by the potential difference that it maintains.<br>In a closed circuit it is equal to the quotient of the instantaneous power by the corresponding value of the current round the circuit. | **Elektromotorische Kraft (E.M.K.)**<br>**Forza elettromotrice (F. E.M.)**<br>**Fuerza electromotriz**<br>**Elektromova forto** |
| 05-20-015 | **Force électromotrice de contact :** Force électromotrice due au contact des corps se trouvant dans un état physique différent ou ayant une composition chimique différente. | **Contact electromotive force :** The electromotive force due to the contact between two bodies in different physical states, or having different chemical compositions. | **Kontakt E.M.K.**<br>**F. E. M. di contatto**<br>**Fuerza electromotriz de condacto**<br>**Elektromova forto de kondakto** |
| 05-20-020 | **Tension électrique :** Synonyme de différence de potentiel électrique. | **Electric pressure :** Synonym for difference of electric potential. | **Elektrische Spannung**<br>**Tensione elettrica**<br>**Tensión eléctrica**<br>**Elektra tensio** |
| 05-20-025 | **Chute de potentiel :** Diminution du potentiel le long d'un conducteur ou dans un appareil parcouru par un courant. | **Fall of potential :** Diminution of potential along a conductor or in an apparatus through which a current in passing. | **Potentialfall (-abfall)**<br>**Caduta di potenziale**<br>**Caida de potencial**<br>**Potencialfalo** |
| 05-20-030 | **Courant électrique :** Mouvement d'électricité dans un milieu ou le long d'un circuit. Parfois employé comme abréviation d'intensité de courant. Sauf indication contraire on admet comme sens du courant le sens opposé à celui du mouvement de l'électricité négative. | **Electric current :** Movement of electricity in a medium or along a circuit. Sometimes used as an abbreviation for intensity of current. Unless the contrary is stated, the direction of the current is opposite to that of motion of negative electricity. | **Elektrischer Strom**<br>**Corrente elettrica**<br>**Corriente eléctrica**<br>**Elektra fluo** |
| 05-20-035 | **Courant de conduction :** Courant qui se produit dans un circuit sans altération de la substance dont ce circuit est composé. | **Conduction current :** A current which flows through a circuit without altering the substance of which the circuit is composed. | **Leitungsstrom**<br>**Corrente di conduzione**<br>**Corriente de conducción**<br>**Kondukfluo** |
| 05-20-040 | **Courant de convection :** Courant consistant dans le transport de l'électricité par des masses matérielles plus lourdes que les électrons. | **Convection current :** A current caused by the transport of electricity by material masses heavier than electrons. | **Konvektionsstrom**<br>**Corrente di convezione**<br>**Corriente de convección**<br>**Konvektofluo** |
| 05-20-045 | **Courant de déplacement :** Courant qui se manifeste dans un diélectrique lorsque le champ électrique varie. | **Displacement current :** The current produced in a dielectric when the electric field changes. | **Verschiebungsstrom**<br>**Corrente di spostamento**<br>**Corr. de desplazamiento**<br>**Indukfluo** |
| 05-20-050 | **Courant électronique :** Courant produit par simple mouvement d'électrons. | **Electronic current :** A current produced by the simple movement of electrons. | **Elektronenstrom**<br>**Corrente elettronica**<br>**Corriente electrónica**<br>**Elektrona fluo** |

La Internacia Elektroteknika Komisiono (IEC) decidis enmeti Esperanton en sian oficialan vortaron. Ni jam parolis pri tio en « Esperanto » 1935, pĝ. 99-100.

Ni hodiaŭ prezentas paĝon el la prova presajo de la unua ĉapitro.

Jen la enhavo de la kolonoj, de maldekstre al dekstre : Numero de la nocio ; Termino kaj difino francaj ; Termino kaj difino anglaj ; Terminoj germana, itala, hispana, esperanta.

La tuta vortaro ampleksos ĉ. 400 presitajn paĝojn.

# La princlando Monako

Inter maro kaj montoj, malsupre de la rokoj, sur kiuj sin apogas la impresa altaĵo-maso Agel, la princlando Monako etendas sian senkompare pitoreskan amfiteatron, sub la varma mediteranea suno.

La plej bela el la maroj, tiu, kiu estis la lulilo de la plej antikvaj civilizacioj, ondas mole sub varmeta venteto venanta el la proksima Afriko, kiu donis al ĝi iom de siaj bonodoroj.

Supre, alte je pli ol 1.000 metroj, la montoj starigas sian baron preskaŭ vertikalan, kvazaŭ ekrano rezista al la nordaj ventoj.

La princlando Monako kuŝas en Eŭropo, sed al Afriko ĝi apartenas laŭ la aparta mildo de sia klimato. Ĝi estas brilplena terparteto, kiun la naturo ŝute dotis per siaj donacoj, kaj kiun la homo plezure kaj ade beligis.

De ĉiuj lokoj de la mondo, alvenas dum la tuta jaro la privilegiitoj por ĝui ĉion tion.

La tuta princlando, kies teritorio de apenaŭ 150 hektaroj faris ĝin la plej eta regno en la mondo, konsistas el tri urbetoj de tre aparta aspekto. Ili prezentas ĉiuj propran karakteron varioriĉa ĝis en sia vivo mem.

Montekarlo, civito nova, ĉefurbo moderna, konstruita kiel amfiteatro ĉe la deklivo de la monto signifas plezuron. Ĝi radias tie kun siaj kazinoj, siaj palacoj, siaj belaj vilaoj, siaj ĝardenoj, siaj senkomparaj floroj !

Stud-urbo estas la malnova Monako, starigita ses jarcentojn a. Kr. Tiam ĝi nomiĝis Herkulo ; fiere staranta ĉe abrupta promontoro 60 metrojn alte de la maro, ĝi gardas en la pompo de l'modernaj konstruaĵoj, la anakronismon de civito de la Renesanco kun la mirinda palaco de l'Princoj, bela feŭda loĝejo — vizitebla dum foresto de l'princa familio —kaj kies remparoj enfermas riĉegajn ĝardenojn. La Oceanografia Muzeo sin boris en ĝian rokon, kiel templo dediĉita al la maro, al ties studo, ĉar ĝuste ĝi enhavas akvarion mondfaman kaj sciencajn kolektojn, dokumentojn alportitajn de la Princo Alberto, ĝi estas oceanografia verko senfine valora. La Oceanografia Muzeo estas priskribo de la vivo de l'prahistoriaj homoj. La instru-institucioj altiras kaj retenas grandan nombron da fremduloj el dudeko da diversaj nacioj.

Se Monako estas la cerbo de Montekarlo,ties koro estas la Kazino. Ĉiaj koncertoj, ĉiaj teatraĵoj, operetoj, ĉia sezono de operoj, baletoj sufiĉus por gloro de la Opero ĝenerale, tiom famaj ili estas tutmonde.

Avida esti mecena urbo de ĉiuj valoroj de l'korpo kaj de l'spirito, ĝi kreis tenis-kursojn, kiuj paradas en etaĝoj, kiel pendĝardenoj laŭlonge de la maro. Ili estas la plej belaj sur la tuta tero ; kaj ĉe ili estas tiu mirinda golfo, prezentanta siajn golfludejojn en plena lazuro, proksime al 1.000 metroj de alteco. Tie estas la nova, Montekarlo-Beach, ŝajne leviĝinta el la ondoj laŭ ordono de iu dio. Montekarlo-Beach kun la supermodernaj instaloj de sia mirinda banejo, kun sia olimpia baseno, siaj hoteloj de lasta komforto, sia nova somera sportejo, sia sunkuracejo siaj lukstrinkejoj, sia fama restoracio, sia jaĥt-haveneto, ŝirmita kontraŭ la maloftaj ventoj, kaj vespere kun la fabeleco de siaj nokfestaranĝoj estas paradiza loko.

Skerm-turniroj, konkursoj pri pafo al kolomboj, sportmanifestacioj, kiel la fama vetkuro en la urbo kaj la internacia aŭtomobil-konkurso ; la Semajno de motorveturo sur akvo, la internaciaj rem-konkurado ; manifestacioj pri eleganteco ; flor-bataloj ; hund-ekspozicio ; tradiciaj festoj alternas dum la tuta jaro.

Jen Montekarlo, vivanta civito de la Plezuro !Tie loĝas la plej riĉaj homoj de l'mondo. Mono, beleco, talento, eleganteco, ĉio estas kunigita por la vintro-sezono kaj por la nova somersezono. Ĉiu trovas tion, kion li serĉas ; ĉu sanon, jen la suno, ekzotika klimato ideala ; ĉu flegadon ? Jen, sur la teraso kontraŭ la maro, ĉiuj rimedoj de la hidroterapio sun-kuracado, artefarita lumo, varmfonto, mekanikaterapio, kie homoj de ĉiu aĝo trovas sian kontentiĝon. Tiu luks-civito ĉion antaŭzorgis, ĉion preparis.

Ĝi estas vera Templo de la Scienco. Ĉu ĝi ne estas la sidejo de l'Internacia Hidrografia Oficejo, devenaĵo de la Ligo de Nacioj ?

Ĝi ĵus montris, en la Konferenc-salono, kie aŭdiĝas ĉiusemajne vintre la famaĵoj de la scienco, de l'arto kaj beletristiko, plej larĝvidan kaj malavaran gastamon al la Mediteranea Akademio.

Ĝiaj ĝardenoj estas famaj en la tuta mondo kaj iliaj luksaj kreskaĵoj estas mirigaĵo tiom, kiom ornamo de nekalkulebla riĉeco.

Monako estas la ĝemelo de Montekarlo, sed ilia fortuno ja ne havas multan similon. Monako vivas laŭ la tradicioj de l'historiaj civitoj. Konstruita sur sia roko, ĝi memorigas pri la fortikigitaj urboj de Italujo en la tempo de l'gvelfoj kaj gibelinoj. Ĝi senmoviĝis en tiu formo glora kaj romaneca.

En Monako, ĉio parolas pri bataloj tra la jarcentoj. Sur ĝia malgranda placo, kie ĉiutage tagmeze, okazas ŝanĝo de l'princa gvardio, jen sendanĝeraj bombokanonoj, malnovaj bronzkanonoj, piramid-kuglegoj !

La karaktero de tiu ĉarma urbo de malnova tempo estas esence itala. La multkoloraj domoj, tiel plaĉe pentritaj kaj freŝaj, ŝajnas ĵuse konstruitaj. En la belega katedralo, tombo de l'princa familio Grimaldi, resonas la gregoriaj kaj palestinaj kantoj. La Juĝejo el freŝhakitaj ŝtonoj, aspektas kiel memoraĵo de l'preĝejoj kaj palacoj de kastel-epoko.

En mirinda loketo, sur la rokoj, elstarantaj super la kvartaloj de Condamine, malfermiĝas sur la vojo de la Meza Kornico, tiuj fabelaj ekzotikaj ĝardenoj kun vegetaĵoj strangaj kaj riĉegaj, ĝardenoj, kie alkuniĝas, je grandaj kostoj, plej maloftaj plantaĵoj de l'tropika regiono.

Urbo de komerco, la Condamine etendiĝas de l'okcidenta limo de la princlando ĝis la pordoj de Montekarlo. Ĉi-tiun ĝi ligas per avenuo tiel plena de oleandroj, ke ĝi ŝajnas brili triumfe. Oriente ĝin disigas de la plezur-urbo nur la florplena valo de l'preĝejo al la sankta piulino, patrino de Monako.

Tie, nun en ĉarmega haveneto, albordiĝas luks-jaĥtoj, barkoj por fiŝkaptado, ŝarĝoŝipoj, velboatoj, dume la grandaj ŝipoj, veturantaj de Novjorko al Kairo haltas kontraŭ Montekarlo, plene en la maro rigarde al la mirinda panoramo de la monto arĝentkolora kaj de la princlando neĝblanka en la sunbrilo.

Senkompara vizio, kiu igas la princlandon Monako sorĉa reĝino de la Mediteraneo.

J. B.



La roko de Monako (maldekstre la miniatura haveno)

# Iom da Prahistorio

De VAN DAMME, Bruselo.

La prahistorio, tio estas la scienco, kiu esplore observas la homon vivantan, je epoko antaŭtempa ol skribitaj montraĵoj historiaj, estas scienco preskaŭ nova.

Estas apenaŭ depost iom pli ol unu centjaro, ke oni konsideris kiel vere, ke, antaŭ miloj da jaroj, sur la terglobo estis hom-rasoj, kies ekzistado estas pruvita nur per postsignoj tiel malnovaj, ke sole, la geologio ebligas al ni, ilin citi.

Kelkaj elementaj konoj pri geologio, scienco, kiu esploras terhistorion, estas do necesaj por tiu kiu volas kompreni la prahistorion.

La geologoj dividas la historion de l'tero en unu precipa periodo, nomita senviva[1], post kiu estas kvar longaj periodoj: la primara, la sekundara, la terciara kaj la kvaternara epokoj. Dum la irado de tiuj tempoj, kies daŭro, kvankam nedifinita, estas tamen longega, malsimplaj fenomenoj okazis, kiuj fine, kaŭzis la nunan fizikan staton de nia terglobo.

La unua epoko estas karakterizita per la plej simplaj specoj de la besta vivo; la dua tempaĝo per la elvolviĝado de la lacertegoj. La mambestoj aperis dum la tria epoko kaj fariĝis, kiaj ili estas nun, dum la kvara epoko.

La epoko en kiu ni vivas estas dividita laŭ du periodoj : la pleistoceno (la pli malnova) kaj la periodo nova au moderna.

Oni pasis de unu periodo al sekvanta laŭ peraj fazoj kaj laŭ maniero preskaŭ neperceptebla.

Malrapidaj ankaŭ estis la sinsekvaj ŝanĝoj de klimato kaj temperaturo, la modifiĝoj de la bestaro kaj de la kreskaĵaro.

[1] France : azoïque.

La geologiaj fenomenoj de la pleistocena periodo finis havigi la nunan fizionomion al la terglobo.

Inter tiuj okazintaĵoj, la ĉefaj estas la ĉi subaj : alternaj movadoj de plialtiĝado kaj malplialtiĝado de la tero, havantaj kiel konsekvencojn, foje enakviĝon, foje elakviĝon de terpartoj; plivastiĝo kaj malplivastiĝo de la glaciejoj kaŭzantaj la malvarmigon kaj la revarmigon de la temperaturo, same kiel la elfosadon de valoj, la aluviadon de la fundo de tiuj ĉi, kaj poste tio ĉi, novan partan refosadon.

Ĉar la homo ekzistis dum tiuj lastaj fenomenoj, oni komprenas, ke ĝiaj propraj restaĵoj kaj la restaĵoj de ĝia industrio estis trovataj enfositaj en la aluvioj, gruzoj, riveregaj sabloj, ŝlimoj de la tiuepokoj riveroj.

Samtempe, kiam la grundoj formiĝis, kiuj fariĝis la terŝelo, estiĝis sinsekve grupoj da bestoj je strukturo unue tre simpla dum la unua periodo, sed kiuj evoluis dum la daŭro de l'tempoj, por fariĝi la estuloj de la nuna epoko, inkluzive la homon.

La fosilia homo malkaŝiĝas al ni per duspecaj pruvoj evidentaj : unue, homaj mort-ostoj estas miksitaj en geologiaj tavolaĵoj, kun ostoj de samtempaj bestoj; poste per variaj objektoj havantaj postsignojn de intenca laboro kaj kiuj estas produktoj de la homa industrio. La ostologiaj dokumentoj estas ankoraŭ sufiĉe maloftaj, pro ilia pereema karaktero, tiam, kiam la objektoj laboritaj el ŝtono malcedis kontraŭ la detrua influo de l'tempo. Estas pro tiu motivo, ke la arĥeologoj donis la nomon “ ŝtonaĝo » al la unuaj prahistoriaj tempoj.

La industrioj de la ŝton-aĝo estas, celante ilian studadon, redividitaj laŭ tri grandaj periodoj.

La « eolitika » fazo dum kiam la ŝtono estis rekte uzata tia kia, aŭ simple disrompita kaj taŭgigita por diversaj

uzadoj. Ĝi komencas ĉirkaŭ la fino de la tria epoko kaj finiĝas je la komenco de la kvara.

La ekzistado de la homo je tiu epoko estanta ankoraŭ duba, kvankam ebla, tiu industrio devas esti akceptata nur sindetene.

Poste, ekzistas longdaŭra fazo, la paleolitika fazo aŭ epoko de la ŝtono hakformita; ĝi komencas je la debuto de la kvara epoko por fini je la moderna, do de la « plioceno » ĝis la « holoceno » de la geologoj. La fazo neolita aŭ de la polurita ŝtono, kiu daŭras de la fino de la paleolia ĝis la uzado de metaloj. La periodo de l'bronzo finas la ŝtonan periodon. La pleistocena periodo komencas per epoko inter du malvarmegaj; ĝi estas karakterizita per bestaro konsistanta el specoj kiuj indikas varman klimaton: la plejmulto de la bestoj de tiu epoko (elefanto primitiva, rinocero, hipopotamo, simioj ktp.) estas la praŭloj de la nunepoka bestaro. Kelkaj el ili forfiniĝis sen idaro, aliaj elmigris al tropikaj regionoj.

Estas nedube ke, je tiu epoko, aperis la homo, kies unua industrio estas nomita Ŝeleza, pro la gruzoj de la urbo Chelles (Elp.: Ŝell') en Francujo. Kie oni rimarkis ĝin unuafoje.

La iloj konsistas precipe el tipo nomita « pugnobatilo » bloko da siliko preskaŭ ovala, hakita je ĉiu flanko per batetoj frapitaj sur la randoj. La fragmentoj, kiuj devenas de tiu laboro estis uzataj tiaj, kiaj ili estas pro sia akraĵo, aŭ retuŝataj je unu el siaj flank-randoj por ke ili tranĉu skrapu, gratu aŭ traboru. Tiu epoko estas ankoraŭ malmulte reprezentita en Belgujo kaj eĉ en Europo, sed ĝiaj specimenoj estas pli abundaj en norda Afriko. Poste, ekzistas epoko de plivastiĝaj glacimontoj: la klimato malvarmiĝas, la valoj pliprofundiĝas aŭ pleniĝas per la surfundaĵoj forrulitaj de la riveregoj. La hipopotamo foriĝas; la mamuto kaj la rinocero je fakigitaj naztruoj, alkonformigitaj ambaŭ je la klimatkruteco, anstataŭas la mortintajn specojn. Estas la bestaro nomita la malvarma.

La homoj daŭras loĝi sur la riverbordoj, sed ilia ĉefa ilo, la Ŝeleza pugnobatilo, fariĝas pli perfekta; ĝi estas pli maldika, akiras ovalan formon pli zorgitan; ĝiaj akraj randoj estas pli regulaj, dum samtempe, ilia malgranda ilaro diversiĝas. Estas la epoko de Acheul (tipo trovita en la gruzoj de St. Acheul en Francujo.)

Dum la meza pleistoceno, la klimato ankoraŭ pli malvarmiĝas; la homoj komencas loĝi en kavernoj malfermitaj en la kalkaj masoj de la valflankoj. Estas la epoko de Moustier, laŭ la kaverno de la franca urbo Moustier.

Iom poste, la pugnobatilo malestas kaj estas anstataŭata per triangulaj iloj tre lertece hakitaj je unu sola flanko.

La bestaro estas preskaŭ tiu de l' antaŭa periodo: la urso de kavernoj, la hieno de kavernoj (hyena speloea) abundas.

Multnombraj disrompitaj mortostoj, kiujn oni trovis en la grotaj surfundaĵoj ebligis la restrukturigon de tiuperioda homo (homo neanderthalensis).

Li karakteriziĝas per longforma kranio, kaviĝinta je la verto, frunto malalta kaj tre dekliva, brovaj arkadoj elstaraj senreliefa mentono, mallongaj membroj kaj kruroj kurbaj antaŭen.

Je la fino de pleistoceno, la glacimontoj ĝenerale malpliampleksiĝis, malgraŭ kelkaj reaperoj de la malvarmo. Ĝi estas nomita la postglacia periodo. Je la komenco, la norda cervo fariĝas abunda; samtempe vivas bestaro de tre malvarma regiono, kiun oni nomigis « bestaro de la arktaj muskejoj (ankaŭ nomita: la faŭno de l'tundroj); poste venas malpli malvarma bestaro, indikanta klimaton similan kiel tiu de la rusaj kaj siberiaj stepoj.

Ĉie abundas la grandaj remaĉuloj (bizono, primitiva bovo). Estas la epoko de l'norda cervo.

La homaj skeletoj de tiu epoko estas sufiĉe multnombraj kaj eksimiliĝas je la modernaj tipoj. Jam, oni distingas diversajn rasojn.

La ŝtonindustrio ampleksiĝas; oni dividas ĝin laŭ tri epokoj, kiujn oni nomigis la « Aurignac'a », la « Solutre'a » la « Madeleine'a », laŭ la respektivaj francaj urboj (Aurignac Solutre kaj la Madeleine).

La homo fabrikas multajn ilojn el osto, el eburo, el kornaro de norda cervo. Verŝajne li ankaŭ prilaboris la lignaĵon, sed nenia objekto el lignaĵo estas konservita ĝis la nuna epoko.

Paralele, la arto progresas; la parioj de kelkaj grotoj estas ornamitaj per pentraĵoj (pariaj pentraĵoj), reprezentantaj precipe utilajn bestojn, ofte desegnitajn tre zorge pri simileco. La bestoj de la katspeco malmulte allogis la desegnistojn, de la nordcerva epoko.

La Madeleine'aj loĝantoj estis speciale lertaj por skulpti la eburon kaj la oston.

Tre malsalma civilizacio venas post la Madelein'a epoko; ĝi estas nomita Azille'a epoko (Azille en Francujo). La silikindustrio malprogresas. La ilaro konsistas el iloj pli malgrandaj, pli malbone hakitaj.

La artaj produktoj konsistas nur el kelkaj grafikaj desegnaĵoj faritaj pentre sur rulŝtonetoj kaj pli ofte sur la parioj de la grotoj, neniel memorigantaj la Madelein'an arton.

La neolita tempo sekvas la paleozoan. Estas nur eksterordinare ke la homo loĝas ankoraŭ en kavernoj, sed en ili, li enterigas la mortintojn; tio duonmontras probablan kulton.

Tiu periodo, kiu indikas la komencon de la moderna epoko, diferencas de la antaŭaj per du progresoj efektivigitaj probable samtempe: la terkulturo kaj la domigo de bestoj. Ĉar li ne plu estis devigata sekvi la vagadojn de la sovaĝaj bestoj kies viandon li nure manĝis je la antaŭaj epokoj, la homo definitive loksidiĝas; li fariĝas paŝtisto, terkulturisto.

Kompaktaj loĝantaroj fondiĝas, kelkafoje en defendaj lokoj, malgrandaj altebenaĵoj izolataj per valpartoj kun krutaj rokoj, lagaj vilaĝoj sur palisoj, enpuŝitaj en lagojn kaj religitaj kun terbordo per movebla ponto; alifoje, ĉe la rando de arbaroj, aŭ najbare apud la komunaj kulturejoj; kelkafoje, sur la marbordo.

La ŝtono ankoraŭ havigas la ilaron, sed tiu ĉi diversiĝas. Plie, kelkaj iloj, tia la hakilo, nekonata je la antaŭaj tempoj, estas poluritaj, ĉu sur la akraĵo, ĉu sur la tuta ilo.

La fabriko de teksaĵoj estas trovata.

Kompense, la artaj produktoj estas maloftaj. Nure, la argilpotaro vidigas ornamaĵojn, ofte geometriajn sed, ĉion konsiderante, tre simplajn.

Je la fino de neolita tempo, la hakado de la elŝtonaj iloj malpliiĝas; baldaŭ bronzaj iloj anstataŭos ilin; estas la epoko nomita « bronza », kiu havis mallongan daŭron en okcidenta Eŭropo. Post ĝi sekvas la ferepoko.

Je tiu epoko, la homo fabrikas siajn ilojn kaj siajn armilojn el fero, kion li lernis fandi kaj marteli.

Tiu ĉi lasta progreso finigas la prahistorion.

Trad. E. OGER, Liége.

## La 75-jara Jubileo de Mezotorio, la germana radiumo

Jam kiel infanoj ni admiris la efekton de piroteknikaj fajrajoj ruĝaj, verdaj, flavaj. La grandioza impreso estas atingata per uzo de certaj metaloj. Natrio donas flavan lumon, stroncio ruĝan, bario verdan ktp. Oni ekkonas la ekziston de metaloj laŭ la koloro, kiun ili donas al la nelumanta flamo. Sur tiu ĉi ekkono bazas speciala teorio kemia, precipe aplikita de la fama nestoro de l' germanaj kemiistoj, profesoro Bunsen, kiu vivis en Hejdelbergo.

En la jaro 1885 aŭstra studento Auer von Welsbach laboris en la laboratorio de Bunsen. Li estis okupita pri laboro kun erbia tero, substanco, kiu enhavas la treege maloftan metalon erbio. Li uzis por tio specialan brulilon, eltrovitan de Bunsen, por ekzameno laŭ la koloro de la flamo. Li ekbruligis etan eron da erbino, sed subite, li estis blindumita pro la sunsimila brilo de l'blanka lumo.

Auer tuj ekkonis, ke li malkovris ion novan. Efektive lia eltrovo donis la bazon por ekstreme efika speco de lumigo. Li daŭrigis sian esploradon, eksperimentadis kaj trovis en aliaj ter-materioj pluajn metal-komponaĵojn, kiuj donas eksterordinaran helecon.

La 23 septembro 1885 Auer von Welsbach sendis registropeton al la regna patent-oficejo en Berlino pri eltrovo de « Lumkorpoj por inkandeska gaz-brulilo ». Ĝi estis akceptita kaj registrita sub la numero 39.162. La patento fariĝis la bazo por kolora disvolviĝo diversdirekta. Per eluzo de la ecoj de certaj metaloj li disvolvis la gaz-ardlumon. Poste li turnis sian intereson al la elektra lumo. Uzante la metalon osmio, li fabrikis novan inkandeskan lampon. Per ĝi komenciĝis nova epoko por la elektra lumigado. Li plue malkovris la cerio-feron, komponaĵo de cerio kaj fero, sur kiu bazas la nuntempe uzataj poŝ-bruligilo kaj la gaz-ekbruligilo.

Fervoraj kemiistoj plivastigis la malŝlositan kampon. Oni atingis la fabrikadon de mirindaj vitroj kun tute aparte kolorefekto. Estas eltrovitaj okulvitroj por special-laboroj, kaj fine oni ankoraŭ malkovris en la diversaj teroj radioaktivajn materiojn.

La tuta komplekso kuniĝas en la vorto mezotorio.

Mezotorio estas trovebla en la monazit-sablo sur la fundo de l'maro, kiu ankaŭ enhavas la ceterajn metalojn de l'maloftaj teroj, kiuj liveras la krud-materion de la industrio de inkandeska lumo kaj de kuniĝaj industrioj. Alia fama kemiisto germana, Prof. Otto Hahn de la « Instituto por Kemio — Imperiestro Vilhelmo — » trovis en 1907 en la monazito kemian bazo-materion, la mezotorion, kiu havas la valoran kvaliton de radio-aktiveco. Ĉar oni ĝin fabrikas nur en Germanlando, ĝi estas nomita « germana radiumo ». La produktado estas majstraĵo de l'kemio, ĉar la mezotorio estas trovebla en la monazit-sablo nur en preskaŭ nekredeble eta kvanto. El 25 kilogramoj da monazito oni ekstraktas 10 milion-onan gramon da mezotorio ! Teknika prilaboro de l'sablo rezultigas el 200.000 kilogramoj, t.e. 10 var-vagonoj plenaj de monazit-sablo, nur 1 gramon da mezotorio.

Mezotorio estas uzata multmaniere. Ĝia efiko egalas la radiojn de radiumo ; ĝi estas aparte uzata en la medicino. Simile al aliaj radioaktivaj materioj ĝi devas esti konservata kaj transportata en speciala maniero en ĉiuj kazoj, kiuj igas ne dezirindaj la aktivecon. Por protekti la personojn, kiuj laboras per ĝi, oni uzas dikajn platojn el plumbo, vitrojn tre plumbohavajn, por la konservado ŝrankojn, kovritajn interne per dikaj plumboplatoj. La transporto okazas en plumbo-blokoj, enigitaj siaparte en dikajn lignopecojn, je kiuj oni fiksas portobendojn. Tiamaniere oni evitas troan alproksimiĝon al la homa korpo. Mezotorio inter alie elsendas la tielnomatajn gamoradiojn, kiuj penetras en pezajn metalojn. Per tio ekzistas rimedo por ekzameno de metaloj labor-materioj, por trovi disŝiriĝojn, fendojn, vezikojn aŭ aliajn malbonajn partojn en ili. Ĉar ĝi ankaŭ efikas al fotografiaj plakoj, oni povas trakti labor-pecon similmaniere kiel per Rentgen-radioj. La lumbildo permesas konstati, kie estas la serĉata manko. Tute grandaj gis-pecoj tiamaniere povas esti esplorataj per maso, kiu enhavas ereton da mezotorio, ne pli granda ol la kapo de pinglo. Mezotorio kaj la ceteraj radio-aktivaj materioj, enhavitaj en monazito, estas uzeblaj por la fabrikado de lum-masoj kaj lumfarboj ; ankaŭ por aliaj sciencaj laboroj kaj por vico da pluaj celoj oni uzas ilin.

La scienco rajtas vere festi la tagon de la malkovro de mezotorio.

N. C.

---

## La procesio de la tagoj

*La procesio de la tagoj*
*malrapidege rampas for,*
*la procesio de la tagoj,*
*la nigraj tagoj de dolor'.*

*Malrapidege ili rampas*
*laŭlonge de la vivovoj',*
*la multaj tagoj de doloro,*
*enuo, spleno kaj malĝoj'.*

*La rondodanco de la tagoj*
*rapide saltas preter ni,*
*la blankaj tagoj de plezuro,*
*feliĉ', ridad' kaj amebri'.*

*Rapide ili preterflugas,*
*la kelkaj tagoj de plezur',*
*post si lasantaj la deziron*
*kaj iom da memoro nur.*

JAN VAN SCHOOR, Antverpeno.

---

## Rememoro

de W. v. GOETHE.

*Rememoro al la bono,*
*kuraĝigos vin, persono.*

*Rememoro al la belo,*
*estu ĉies alta c lo.*

*Rememoro al la amo,*
*ĉiam brilu, kara flamo !*

*Rememor' al la uniko —*
*ĉies propra kormuziko !*

Trad. Franz Döring.
Freiburg i/B.

# Aktualaĵoj pri Esperanto

**Nova Vortaro Japana-Esperanta — Granda Vortaro Sveda-Esperanta — La Enciklopedio de Esperanto — Oomoto-Fotalbumo — Gvidlibro pri Romo kaj ĉirkaŭaĵo — Turismaj prospektoj — Samideana Vortaro — La detal-laboro por Esperanto.**

## Nova Vortaro Japana-Esperanto

Antaŭ mi kuŝas libro en leksikonformo, 805 paĝojn dika kun la supra titolo, verkita de S-ro Jošicugu Okamoto, membro de la Lingva Komitato. Tute kompreneble tian gravan verkon eldonis la Japana Esperanto-Instituto, kiu kiel landa organizo kunigas en Japanujo la plej seriozajn kaj aktivajn esperantistojn. La libro enhavas la japanajn vortojn kaj apude la ekvivalentojn en Esperanto. Ĝi do ne multe diferencas de esperanto-vortaro en aliaj lingvoj. Ŝajnas sufiĉe, laŭ supraĵa rigardo, registri la aperon kun la kutimaj, ĝentilaj gratuloj, des pli, ke ni tute ne povas legi la ampleksan japanan parton. Certe ĝi necesigis « multan » laboron. Ke la kutima uz-eldono, je tre akceptebla prezo, estas presita per reduktitaj kliŝoj, laŭ fotografia procedo, nu jes — Japanujo ja estas moderne organizita lando... — Kara leganto, neniu plej favora recenzo povas doni al vi sufiĉan impreson pri tiu ĉi verko. Laŭ uzo povos ĝin prijuĝi nur japano. Mi rigardis nur la esperanto-rubrikon. Mi foliumis kelkajn cent paĝojn por koni la enhavon kaj mi trovis i.a. aregon da novaj esprimformoj (ne neologismoj) tre interesaj, kelkfoje nekutimaj al ni eŭropanoj, sed tiel logikaj en Esperanto. La libro estas la plej kompleta nacia-esperanto vortaro, kiun mi vidis ĝis nun. En ĝia komplemento eĉ ne mankas listo pri la rango de japanaj oficiroj, pri la organizo de la Ŝtatfervojoj de Japanujo (kun ĉiuj fak-esprimoj). La Espero, « La Tagiĝo » kaj « La Vojo » estas reproduktitaj en ĝi — kun muzik-notoj !

La vortaro enhavas 100.000 liniojn. Estas registritaj en ĝi 70.000 japanaj vortoj kaj 6.500 propraj normoj. Ĝia kompilado daŭris ĉirkaŭ 9 jarojn, sole la kompostado 4 jarojn.

Ĉu vi, kara leganto, bonvolos pripensi, kion signifas tio. Ĉu vi ekkonas, ke via nura esprimo de miro kaj admiro «Ne-kredebla laboro» ne sufiĉas por kompreni, kion oni devas fari por atingi « sukceson » (tian, efektive grandiozan) ? !

## Granda Vortaro Sveda-Esperanto

Jes, vi diros, la japanaj esperantistoj estas aparte seriozaj laborantoj kaj vi pravas en tio. Sed ni devus posedi tian vortaron en ĉiuj lingvoj. Kaj krom tio special-vortarojn por la tekniko, la... Ne tiel rapide, estimata. Pensu pri la laboro kaj ĉio cetera, ekzemple la monrimedoj disponeblaj kaj aliaj detaloj. Ili ja devas esti ordigataj por realigo de plano. Tri modestaj, sed tre laboremaj esperantistoj, S-roj S. O. Jansson, F. Lindén kaj B. Gerdmann figuras kiel aŭtoroj de la granda vortaro Sveda-Esperanta, elirinta antaŭ ne longa tempo. Kiam praktikisto kiel mi trarigardas tian verkon, kaj de tempo al tempo konsultas ĝin, li devas ĉiufoje pensi pri la eksterordinareco de tia ellaboraĵo. Ne estas celo de ĉi tiuj linioj recenzi la vortaron. Kiel eldono ĝi estas bonega verko. Se serioza kritikisto trovos mankojn en ĝi, tio signifas nenion kompare al la tuto. Mi deziras nur memorigi pri la zorgoj, kiujn havis la aŭtoroj por prezenti perfektan verkon. Perfekton en senco de homaj eblecoj. Mi image vidas laŭvice la mankon de tia vortaro, la decidon pri ĝia aperigo post esplora diskuto ; poste la verkadon mem, la kreskon de la sliparo kaj la penan kaj temporaban revizion de la enhavo. Sekvas la detaloj pri la eldono, la financigo, fine la komposto, la korektigado (ho, 3-foja legado de 574 paĝoj, vorto post vorto, linio post linio !) kaj finfine nur la preta verko. La giganta ellaboraĵo amplekas 70.000 liniojn ! Krom la aŭtoroj 9 svedaj esperantistoj helpis al la teknika laboro por la vortaro ; aro da eksterlandaj samideanoj, diligente konsultitaj, donis sian konsilon. Nur tiel ekestis labor-rezultaĵo, pri kiuj ne nur la svedoj rajtas esti fieraj, sed ĉiuj esperantistoj.

## La «Enciklopedio de Esperanto»

Tamen, nur pri lingva laboro vi parolis ĝis nun. Kaj la cetera ? — Kara mia, jus — vi kritike diros « fine » — aperis la 2-a volumo de la Enciklopedio. Ĝia aperigo estis programpunkto de « Lit. Mondo » en Budapesto. Ankaŭ la 2-a volumo de tiu ĉi verko devas pripensigi ĉiun seriozan homon. Sur 328 paĝoj en leksikona formato, centoj da indikoj estas donataj pri historio, bataloj, krizoj, sukcesoj kaj progresoj de la movado de la plej fruaj tagoj de la ekzisto de Esperanto ĝis niaj tagoj. Grandega nombro da biografioj konatigas nin kun eminentaj esperantistoj. Statistikoj, komparoj, kritikoj, juĝoj k.s. kompletigas la enhavon. Ne malpli ol 184 bildopaĝoj ilustras la enhavon. Kun la unua volumo en preskaŭ mil paĝoj, dense presitaj, viciĝas antaŭ ni la historio kaj atingitaĵoj de la movado.

La pretigo de la verko daŭris ĉ. 4 jarojn. Rekorda tempo, se oni konsideras la multflankecon de la enhavo. 58 ĉefkunlaborantoj kaj 50 aliaj esperantistoj helpis al la pena laboro de la respondecaj redaktoroj, S-roj L. Kökény, V. Bleier kaj D-ro Kalocsay (por la lingva fako). La iniciatinto kaj ĉefredaktoro, S-ro I. Ŝirjaev bedaŭrinde ne plu ĝisvivis la tagon de la eliro de l'1-a volumo. Resume — kaj flanke de kritiko pri detaloj — grandega verko prezentiĝas al ni. Ĝi ne nur meritas absolutan atenton. Ankaŭ pri ĝia daŭrigo, kiel spegulo de la movado, ni ĉiuj devas zorgi.

## Oomoto-Fotalbumo

La Oomoto-Movado estas en regula kontakto kun ni. Granda nombro da oomoto-anoj estas esperantistoj. La revuo « Oomoto Internacia » devas esti nomata inter la plej bonaj organoj en Esperanto. La Centra Oficejo en Kameoka havis la afablecon donaci al la biblioteko de UEA belegan, artan verkon japanan. Ĝi ampleksas 200 foto-gravuraĵojn sur luksa kaj artaj, diverskoloraj paperoj (formato 29 × 39 cm) kun bildoj el tiu granda religia-kultura komunumo. Kio nin aparte interesas, tio estas la tekstklarigoj en japana *kaj* esperanta lingvoj. Artamantoj kaj fot-amatoroj povos satiĝi per esploro de ĉiuj detaloj de tiu tre plaĉa kaj valora eldonaĵo.

## Gvidlibro pri Romo kaj ĉirkaŭaĵo

Kiel 2-a volumo de la serio « La Verdaj Gvidlibroj », eldonataj sub la auspicoj de la Itala Turisma Klubo en Milano, estas prezentita al ni okaze de la Dudeksepa « Gvidlibro pri Romo kaj ĉirkaŭaĵo ». Mi nur trarigardis ĝin, jam kelkajn horojn post pretigo de la unuaj ekzempleroj. Mi dume studis atente la unuajn 40 paĝojn. Por la ordinara uzanto ĝi donas sur 228 paĝoj interesajn informojn ĉiuspecajn pri la Eterna Urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. 4 Landkartoj kaj 27 planoj, kvarkoloraj, de urbo, monumentoj, antikvaĵoj kompletigas la libron. « Glosareto » kaj « tradukiloj », speciale verkitaj, faciligas la teknikan uzon. Verdire — ĝi egalas *nur* al siaj fratoj « Guides Bleus », Bädeker k.a. Ĉu nur ? Ne nur laŭ ordinara mezuro, sed laŭ la stato de Esperanto la libro estas unuaranga. Ĝi reprezentas gigantan laboron. Ĝi estas la rezulto de kelkmonata penado de nia klera samideanino F-ino D-ro Carolina Minio-Paluello, profesorino en Venecio, la modesta, dumtempa helpantino en la kongreslaboroj de la « Esperanto-Centro Itala » en Milano kaj en la kongreso mem, de samtempa *krom*laboro de nia simpatia amiko kaj vicdelegito de UEA en Romo, S-ro Luigi Minnaia, unu el la ĉefaj laborantoj de la tiea malmultenombra LKK. Fine ankaŭ nia senlaca direktoro honorofica de la « Centro », S-ro Prof. D-ro Inĝeniero Rinaldo Orengo, unu el la ĉefgvidantoj de la itala movado kaj el la ĉeforganizantoj de la Dudeksepa, donis sian helpon por perfektigo de la serio, kies iniciatanto li estas mem. Nur kora gratulo al ĉiuj ne sufiĉas. Ni imitu ilian ekzemplon.

## Turismaj prospektoj

Sur nia redakcia tablo estas etendataj diversaj turismaj prospektoj. Tiuj pri Florenco, Napolo, Verono, de la Foiro de Bari kaj « Ĉu vi konas Italion ? » estas eldonitaj okaze de la 27-a en Romo. La aliaj pri Vieno, la « Bruckner »-lando, kaj la foiro de Vieno jam avizas la Dudekokan en Aŭstrio Ĉiuj kongresanoj ricevis tiujn ĉi presaĵojn por lego. Multaj eble nur rigardis ilin. Kelkaj eĉ trovis preserarojn en ili kaj iu « netolereblajn » lingvajn erarojn aŭ malbonan stilon. Tre bone ! La kritiko kondukos al estonta evito de tiaj mankoj. Espereble la sperto memorigos al la verkinto la dezirindan konsulton kun aliaj spertuloj antaŭ la presigo. Sed ĉiu el tiuj presaĵoj vekas la atenton pri serioza, ne ĉiam facila laboro ; ĉi ties gravecon oni neniam povas tro-taksi. Ili ne estas nur tre notindaj sukcesoj por la propagando, sed ankaŭ rimarkindaj kontribuoj al la praktika progreso de Esperanto.

## Samideana Vortaro.

Ne temas pri fak-vortaro, kiel diras mem la aŭtorino, S-ino J. Ŝupichova, en Prago, sed nur pri modesta verketo. Kio ĝin igas aparte citinda, tio estas la spirito, en kiu ĝi estas verkita. En vortara aranĝo ĝi peras al ni certan nombron da « samideanaj pensoj » de A-Z. Pri iuj difinoj ni ne tute konsentas aŭ ni deziras aldonon. La legadon tamen ni deziras rekomendi al ĉiuj, ĉar tiom el la vortoj, bedaŭrinde, estas ofte misuzataj. La aŭtorino meritas nian gratulon pro la originala ideo memorigi al la « samideanoj » certajn veraĵojn.

## La detal-laboro por Esperanto.

Kial ni publikas tiujn ĉi aktualaĵojn tiaforme ? Kial ni ne limigas nin al diskonigo de la nudaj faktoj ?

Kial ? Nu, iuj samideanoj konstatas stagnacion de Esperanto de post kelkaj jaroj. Sed konvinkan pruvon pri tio ili ne donas. Al aliaj la progreso de Esperanto ne ŝajnas sufiĉa. Ili pretervidas, ke en la historio de la mondo ofte tre simplaj kaj praktikaj ideoj bezonas aparte longan tempon por realiĝo. Kaj ili daŭre havas konsilojn por tiuj, kiuj neniel agas senpripense. Ĉiamaj kritikemuloj, malfacile kontentigeblaj, asertas, ke oni ne agas taŭge kaj lerte, ke oni devas labori tiel kaj tiel. Ili mem tamen faras tre malmulte, por ŝanĝi la kritikitan staton aŭ laborante, ofte per minimuma rezulto, pruvas la diferencon inter teorio kaj praktiko. La entuziasmuloj ekflamiĝas rapide kaj senteble, eĉ pri malgranda sukceso momenta, kiu ne nepre devas esti progreso de nia afero. Ili meritas nian simpation, ĉar ili estas la viviga elemento en niaj vicoj. Sed ofte ili forgesas la poste necesan detal-laboron aŭ ili laciĝas tre baldaŭ. Seriozaj laborantoj kritikas, ke oni ne agas sufiĉe. Kelkfoje ili esprimas tre grandan malkontentecon pri la manko de solidara kunlaboro en serioza, bone projektita kaj preparita agado.

Kaj ili estas vere pravaj. La celo de nia movado estas fiksita. Ni devas konstante marŝi direkte al ĝi. Pro tio ni neniam agas sufiĉe por atingi ĝin. Same kiel por ĉiuj celoj de nia estado por atingo de nia idealo multega detallaboro estas necesa. Ke ĝi okazas, oni scias, kvankam oni plejparte ne taksas ĝin laŭnecese. Ke ĝi kondiĉas sufiĉe altajn pretendojn tiel al laborantoj, kiel al materiaj kaj teknikaj cirkonstancoj, ni deziris montri hodiaŭ per pritrakto de kelkaj, aparte gravaj, aktualaĵoj. Ili samtempe pruvas, ke Esperanto efektive progresas. La « fina venko » de nia movado dependas de ni *ĉiuj*. Nur per la kolektiveco ni estas fortaj. Nur per ĝi ni atingos la celon, des pli, ke Esperanto estas instrumento de pli alta kulturo, pri kies atingo senhalte aspiras la homaro.

R. Kr.

# Esperanto propagandata kaj uzata tra la tuta mondo

## La itala Ministerio por la Gazetaro kaj la Propagando oficiale uzas Esperanton

En la numero aŭgusto-septembro de « Esperanto » ni jam raportis pri la impreso de l'Dudeksepa farita en Italujo. Jam de kelkaj monatoj, sekvante al multaj korespondajoj ricevitaj el eksterlando la radio-stacio de Romo (420.8) disaŭdigis parôladojn en Esperanto. Ĉi tiu disaŭdigo estos daŭrigata. La esperantistoj povos facile sekvi ĝin.

Kiel unuan efikon de la sukceso de nia Dudeksepa la ministerio por la Gazetaro kaj la Propagando oficiale uzas Esperanton. Ĝia ĝenerala direkcio por la turismo dissendis belan presajon en Esperanto kun indiko de ĉiuj radio-paroladoj, farataj en naciaj lingvoj kaj en Esperanto dum oktobro 1935. Laŭ ĝi aŭskultintoj de iu turisma radio-parolado povas laŭdezire ricevi la laŭvortan tekston por relego. Tiel la « Italaj Kronikoj pri Turismo » ankaŭ estas dissendataj en Esperanto pri ĉiuj radio-paroladoj en nia lingvo. Seriozaj interesitoj petu la alsendon per letero al « Ministero per la Stampa e la Propaganda (Direzione Generale per il Turismo) », Roma.

Tiu ĉi iniciato de la itala ministerio certe trovos atenton en ĉiuj landoj kaj estas absolute imitinda. Niaj italaj amikoj, kiuj per tiom da sindono kaj fervoro laboregis por la sukceso de la Dudeksepa rajtas fieri pri tiu ĉi unua efiko de ilia agado. Ili meritas nian koran gratulon pro tio.

## La «Verda Stacio» en Brno (Ĉeĥoslovakio)

Tute prave la radio-stacio « Radio-Journal » en Brno donis al si en esperanto-rondoj la nomon « Verda Stacio ». Jam de longe ĝiaj disaŭdigoj en Esperanto estas popularaj inter la esp. aŭskultantaro de tuta Eŭropo, precipe la bonegaj literaturaj-artistaj programoj. Ankaŭ en la ĵus komencita radio-sezono la stacio de Brno daŭrigos sian elsendadon en Esperanto. Ŝajnas al ni utile konigi al ĉiuj esperantistoj la paroladon en Esperanto, kiun faris la Direktoro de la stacio, s-ro Dipl. Inĝeniero Antonin Slavik, okaze de la unua disaŭdigo en Esperanto por aŭtuno 1935.

« Karaj samideanoj de l' tuta Eŭropo,

Hodiaŭ ni komencigas la esperantan sezonon de la ĉeĥoslovaka radio, en kies nomo mi plej sincere salutas vin kaj invitas al aŭskultado.

El la esperantistaro ariĝanta ĉirkaŭ la riceviloj, fariĝis jam granda familio. Miloj kaj miloj da ili aŭskultas niajn programojn, kiuj parolas al ili en komprenebla lingvo. Iliaj partopreno kaj esprimoj de intereso estas tiel konvinkigaj, ke ne estas eble ne atenti ilin. Bone komprenante ilian signifon, decidiĝis la estraro de la ĉeĥoslovaka radio, en la nova sezono ne nur daŭrigi en plua elsendado de la esperantaj programoj, sed ankoraŭ plimultigi ilin.

La Verda Stacio kaj kun ĝi la stacioj de Praha kaj Moravska Ostrava elsendos nunjare du paralelajn programojn je la *unua* merkredo en la monato ni elsendos esperantajn horetojn kun la ĝisnuna karaktero kun programo muzika kaj literatura, la *lastan* merkredon en la monato paroladvicon de gravaj fakuloj sub la titolo « Ĉeĥoslovakio laboranta ».

Per niaj programoj ni ne elserĉas celon propagandan, sed nur transformas parton de niaj programoj en Esperanton, ke ilin bone komprenu pli vasta rondo de aŭskultantoj, ne scipovantaj la ĉeĥoslovakan lingvon. La elsendado en Esperanto de la ĉeĥoslovakaj stacioj ne plu estas eksperimento, sed memkomprenebla kompletigo de la normala programo.

Ni esperas, ke nian ekzemplon — elsendadi tutajn programojn en esperanto — sekvos ankaŭ aliaj radiostacioj kaj ke ne plu estas malproksima la tempo, kiam la Eŭropaj radiuloj aŭskultos Londonon, Parizon, Moskvon, de l' okcidento al oriento, Berlinon kaj Romon, de l' nordo al sudo, ke ili ne nur sentos sed ankaŭ komprenos la aŭdatan. Ĝi estos certe utila por ni, Eŭropanoj, ĉiuj, ĉar scii la lingvon, signifas kompreni la ideojn per ĝi esprimitajn.

Kun tiu-ĉi sento de reciproka interkompreniĝo kaj kultura kunlaboro, mi komencigas la unuan esperantan horeton de tiu-ĉi sezono kaj deziras al vi bonan aŭskultadon. »

De kiam la Verda stacio, Radiojournal Brno, envicigadis esperantlingvajn program-erojn en siajn programojn, montriĝis la neceso de interesigo de profesiaj aktoroj pri Esperanto en tute speciala grado de tiu tempo, kiam la nomita radio-stacio elsendadis la tiel nomatajn « Esperanto-horetojn » kun literatura, drama kaj muzika programo.

De la 15 oktobro 1933 gvidis s-ino Marie Strejčková kurson en la ejoj de la radiostacio, kiun krom oficistoj kaj programreferentoj de Radiojournal ( ekz. reĝisoro Josef Bezdiček, sekretarioj Dr Fr. Kozik kaj Jan Richter k.a.) partoprenis ankaŭ anoj de la Landa teatro en Brno, la dua plej ĉefa teatro de la ĉeĥoslovaka respubliko. Post finiĝo de la kurso, fondis la lernintoj novan grupon sub la nomo « Kultur-



La aktoroj de « Trakt » en la stacio de Brno

klubo », loka grupo de ĈAE kaj entrepreno de UEA. Kiel jam la nomo mem perfidas, volas la klubo okupiĝi pri la kulturo en kadro de esperantismo.

La klubanoj rajtas formi sekciojn, en kiuj unuiĝas membroj de samaj celoj kaj interesoj. Tiel ekzemple la sekcio TRAKT (Teatro kaj Radio Aktoroj) estas sekcio de artistoj. Ĝiaj anoj povas fariĝi aktoroj, verkistoj, kantistoj, k.s. La celoj kaj taskoj de Trakt: Unua kaj la plej ĉefa tasko estas donita de la radiostacio, en kies esperantaj programoj la aktoroj kaj kantistoj ludas. Krom la radioelsendoj oni preparas la aktorojn ankaŭ por prezentoj sur scenejo. Tiel ekzemple la 28 oktobro 1935 partoprenis la Trakt-anoj aktive la 6 kongreson de ĉeĥoslovakaj esperantistoj, kie ili sur scenejo prezentis kantojn, mimikajn scenojn kaj du unuaktaĵojn. Plua tasko estas, kulturi en siaj rondoj esperantan literaturon, okupiĝi pri lingvaj problemoj, prizorgadi tradukojnktp.

Dank' al la Verda Stacio fariĝis la Traktanoj en mallonga tempo tre popularaj kaj ŝatataj pro siaj modelaj prezentoj, ĉu kantaj, muzikaj, literaturaj aŭ dramaj. Tamen « Trakt » ne volas halti en sia evoluo. Ĝi volas labori kaj peni, por alporti al la esperantismo ion valoran, pri kio povus la movado fieri antaŭ la tuta mondo.

Ni publikigas kun plezuro bildon de la « Trakt »-grupo okaze de prezentado.

### La foiro de Reichenberg kaj Esperanto

De multaj jaroj la foiro de Reichenberg (Ĉeĥoslovakio) estas ligita kun Esperanto. Tiel ankaŭ en la nuna jaro ĝi aperigis por la reklamo en eksterlando belan afiŝon en nia lingvo okaze de la autuna foiro. (18-25.8). Krome estis eldonitaj pli malgrandaj afiŝoj por elpendigo en magazen-fenestroj. Sigelmarkoj en Esperanto laŭpete estis dissenditaj en miloj da ekzempleroj. Kompense al la efika reklamo atingita per Esperanto, la foira direkcio disponigis al la Germana Esperanto-Societo de Reichenberg senpagan standon por efika propagando por Esperanto. Ĝi estis vizitita de foirointeresitoj el 15 nacioj :

La foiro de Reichenberg efektive estas aktiva subtenanto de nia movado.

### Esperanto-Diskoj en Japanujo

La plej granda gramofon-firmo en Japanujo, Nihon Ĉikuonki Ŝookai ĵus komencis eldoni diskojn de Esperanto. La unua serio konsistas el 2 diskoj de kurso de Esperanto. La tekstoj estas faritaj de la Japana Esperanto-Instituto kaj mendeblaj ĉe la vendejoj de Columbia-diskoj (No J 13300 & 13301)

Se la rezulto de la unua provo estos bona, la firmo ankaŭ eldonos esperanto-kantojn.

### La Aviadileto «Esperanto»

Ke Esperanto estas la plej taŭga helpilo por aviadistoj, ni scias de longe. Ke ĝi estas urĝe bezonata en tiu ĉi kampo, ĉiutage konstatas la pilotoj kaj mekanikistoj traflugantaj plurajn landojn kun malsamaj lingvoj. Kelkaj kompanioj de aviado jam ekinteresiĝis praktike por Esperanto, sed kiel en ĉiuj kampoj nia antaŭenmarŝo bezonas tempon. Novaj eblecoj malfermiĝas per enpenetro de Esperanto en la privatan aviadon. Ĉi-lasta eble troviĝas antaŭ novaj perspektivoj pro la eltrovo de la franca teknikisto Henri Miguet, la konstruanto de plej moderna kaj sen-riska aviadileto unuloka. — Unua tia aparato estas utiligata por la propagando de Esperanto de niaj fervoraj francaj samideanoj, S-ro André Boyer, Dumviva Membro de UEA, fondintoprezidanto de la grupo de Cannes kaj de S-ro A. Triou, inĝeniero, vicdelegito de nia asocio en la sama urbo kaj prezidanto de la « Ĉielpediko-Klubo » en Cannes.



Sro. André Boyer kaj S-ro A. Trion antaŭ sia aviadileto «Esperanto»

Ni povas nur gratuli ambaŭ samideanojn pro ilia originala ideo varbi amatorojn-esperantistojn por Esperanto per sia aparato.

### Intervjuo en Esperanto kun bulgaraj oficialuloj

S-ro Kortega konsilisto Hugo Steiner, Vieno, estrarano de UEA kaj la tiom aktiva prezidanto de la LKK de la Dudekoka okaze de vojaĝo al Bulgarujo kontaktis kun div. aŭtoritatoj pri Esperanto. En Varna li estis akcepita de la estro de l'distrikto de Ŝumen, S-ro Kazanliev, kiu mem Esperanton flue parolis. En Sofio li intervjuis en nia lingvo S-ron Andrej Toŝef la ministraran prezidanton, S-ron M. Rjaskoff la Ministron de politika ekonomio (Komerco kaj Trafiko), S-ron Nikola Jotoff, ministron de la Konstruado, S-ron D-ron N. P. Nikolaeff, ĉefsekretario de la ministerio por Eksteraj Aferoj, D-ron Kazangieff, ĉefsekretario de la Ministerio de Popola Klerigado, kaj D-ron Ivan Ivanoff, urbestron de Sofio.

Interpretis S-ro advokato P. Jordanoff.

Ĉiuj oficialuloj promesis kiel plej eble vastan akcelon de nia afero.

Ankaŭ Ministro Nikola Jotoff parolis bonege Esperanton. La vizitoj estis aranĝitaj de D-ro Herzfeld, ambasadoro de Aŭstrio en la bulgara ĉefurbo.

#### Radio kaj Esperanto et Brazilo

La vico de Esperanto en radio venis antaŭ nelonge. Jam de kelka tempo la helpa lingvo estas enmetita en la *oficialan programon*, antaŭe nomatan « Nacia Programo » kaj nun « Horo de Brazilo ». La brazila registaro de longe disradiigas sciigojn pri nia lando per pluraj lingvoj naciaj. Nun estas farita radikala reformo : ĉiu fremda lingvo havas sian tagon kaj estas aŭdata dum kvarono de horo. Ankaŭ la lingvo internacia estas disradiata dum tiu tempo, en sia propra tago, t.e. *ĉiumarde, de la 19,30 h. ĝis 19,45 h.* (horo de Rio) ; ĝin dissendas la malnova « Radio Club do Brasil », la unua stacio, en la lando, kiu disradiis Esperantaĵojn, per ondo longa je 31,56 metroj.

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

— La foiro de Vieno okazinta en septembro-komenco 1935, eldonis reklamilon plurkoloran en Esperanto.

— La Komitato por la Torinaj Manifestacioj, je honoro de la partoprenantoj al la 27-a Universala Kongreso de Esperanto, disvastigis specialan numeron de la granda revuo « Augusta Taurinorum », ilustritan per multaj bildoj kaj redaktitan plene en Esperanto.

— En la serio en Esperanto « La Verda Gvidlibro », kiu aperas sub la aŭspicioj de la Itala Turisma Klubo (Touring Club Italiana), ĵus estas publikigita dua volumo 228 paĝa pri Romo kun 32 geografiaj kartoj kaj planoj.

— La Societo de Geografio de Rio de Janeiro en sia tutmonda konata organo oficiala publikigas en ĉiu numero resumon en Esperanto de ĉiuj artikoloj enpresitaj.

— Aperis 16-paĝa gvidlibro en Esperanto pri la ĉeĥoslovaka urbo Kolín.

— La itala ministerio de gazetaro kaj de propagando (Ĝenerala direkcio por la Turismo) uzas praktike Esperanton en la dissendo de siaj « Italaj Kronikoj pri Turismo », per kiu ĝi diskonigas la radio-paroladojn faritajn de la stacio de Romo (kaj relajsoj) en Esperanto.

— Laŭ ĵus aperinta statistiko okazis en 1934 entute 1.347 dissendoj de radio-paroladoj en Esperanto, 375 dissendoj de Esperanto-kursoj, sume do 1.722 dissendoj el 75 sendostacioj en 15 landoj. Dum la lastaj 10 jaroj okazis entute 20.521 esperanto-radiodissendoj.

---

# LINGVA PRAKTIKO

### Pri novaj vortoj.

En la « Nouvelles Littéraires » (Literaturaj Novaĵoj), Parizo, konata verkisto kaj lerta stilisto, A. Thérive, sub titolo « Prilingvaj disputoj » aperigas atentindajn rimarkojn pri la franclingvaj gramatiko aŭ vortaro. El du lastaj liaj artikoloj, la jenaj ĉerpitaj asertoj ankaŭ taŭgas por Esperanto kaj estas meditindaj de niaj vortaristoj aŭ neologismemuloj. Temas, en la unua citaĵo, pri manko de vortoj por la televidado, kaj en la dua, pri nova kunmetaĵo por « kunmanĝanto » :

« Cetere, vorto ne estas bezonata por la uzantoj (de la televidado) ; *rigardanto* aŭ *aŭdanto* sufiĉas por ĉio. Ĝi estas granda kaj malfeliĉiga superstiĉo imagi, ke ĉiu specialigita ago bezonas specialan vorton. Iam oni ne cerbumis distingi, se tornisto tornis feron aŭ ŝtalon, aŭ se vojaĝanto vojaĝis piede, rajde aŭ veturile. La kunteksto tion diri sufiĉas. Same por *ricevilo*, *sendejo*, k.t.p. Ni ne troŝarĝu la teknikajn vortarojn ; ili neniel helpas al la klareco, kiu estas, ja certe, proporcia al la malriĉeco, kaj ne al la riĉeco de l'lingvo. »

« Ankoraŭ unufoje, ni ĝistede ripetu, ke la lingvo ricevas nenian klarecon multigante la specialajn vortojn. Malriĉa kaj simpla, tia ĝi estas klarega ; kaj neniel bezonataj estas diversaj terminoj por nomi vojaĝanton, laŭ tio ke li iras piede, vagone aŭ aŭtomobile. Ni korektu tiun nuntempan antaŭjuĝon, kiun naskis teknika aŭ scienca pedanteco, kaj kiu kaŭzas grandajn difektigojn al la lingvo komuna kaj literatura. »

G. Stroele, L.K.

# Esperantista Lingva Komitato Akademio

Sekretario :
Sinjoro R. de Lajarte,
4, Villa d'Orléans,
Fontenay-sous-Bois (Seine)
(Francujo).

**Oficialaj sciigoj de la Akademio**
(N-ro 10 — Oktobro 1935)

*Sufikso END.*

La Akademio alprenis decidon favoran al oficialigo de la sufikso END, kun la signifo : « kiu devas esti ...ata ». (El 16 membroj, 9 aprobis ĝin).

Tiu decido estis prezentata al la Lingva-Komitatanoj ; 82 voĉdonis (el 124) ; 60 malaprobis ĝin.

Ĉar laŭ la statutoj (Art. 7), se pli ol unu triono de la L.K.-anoj malaprobas decidon, ĝi estas denove pridiskutata de la Akademio ; la sufikso END *ne* estas oficialigita.

*Kongreso de Romo.*

Dum la kongreso okazis unu kunsido de la L.K.-anoj ; prezidis Prof. Migliorini, vicprezidanto de la L.K., protokolis S-ro Rousseau ; ĉeestis dek (10) L.K.-anoj, kiuj unuvoĉe alprenis la jenajn deziresprimojn :

*La L.K.* deziras forstrekon (en la regularo prezentita en la Jarlibro de 1935) de la § 1 de la ĉapitro « pri laŭlingva konsisto de la lingvaj institucioj », kaj de la § 3 de la ĉapitro « Sekcioj » ;

— deziras la modifon de la regularo laŭ tiuj decidoj ;

— decidas, ke plua oficialigo de vortoj ne okazu dum 5 jaroj ; la oportuneco pri ties plua oficialigo, kaj la metodoj estos rebalotataj post januaro 1940 ;

— decidas, ke la nombro de la membroj estu maksimume 100 (cent), kiun nombron oni atingu ĝis decembro 1940 per limigo de postenoj de la ĉiujaraj balotoj. Inter la dato de la propono de novaj kandidatoj kaj ilia baloto, devas esti almenaŭ duonjara intertempo.

*Aldonoj al la Universala Vortaro.*

Unu cirkulero estis sendita al la L.K.-anoj, per kiu ili estis petitaj, ke ili sciigu al la Prezidanto sian opinion pri la proponataj aldonoj al la U.V. (Elekto kaj nombro de la prezentotaj vortoj ; periodeco kaj aranĝo de la aldonoj ; limdato por respondi).

La opinioj de la esperantistoj, kiuj interesiĝas pri tiuj demandoj, estos ankaŭ danke ricevataj antaŭ la 1-a de januaro 1936.

*Sekcio de kontrolo.*

Por ke la Akademio povu proponi, por oficialigo, la plej uzatajn vortojn, necesas, ke ĝi konstatu tiun uzadon per kontrolo de la publikigaĵoj :

Pro tio, *denove kaj insiste*, ĝi petas la eldonistojn, kiuj ne faras tion, ke ili sendu unu ekzempleron de siaj publikigaĵoj al la *Sekcio de Kontrolo, 35, rue du Sommerard, Paris.*

*Funebro.*

Malĝoje mi sciigas pri la morto de S-ino *M. Blaise* (angla) kaj de S-ro *Mariana Mojado* (hispana), Lingva-Komitatanoj.

*La Prezidanto :*
M. ROLLET DE L'ISLE,
35, rue du Sommerard Paris.

# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1935]

W. Sieroszewski, Marŝalo Józef Pilsudski. Trad. : Migr. Fil. B. Strelczyk, Eldonis Pola Esperanto-Asocio, Warszawa. 53 paĝoj. Formato 14,5 × 21,5 cm. (1935-49).

E. Lanti kaj M. Jvon : Ĉu Socialismo konstruiĝas en Sovieto ? Eldonis Herezulo, 14 Av. de Corbéra, Paris 12e. 52 paĝoj. Formato 13,5 × 21 cm. Prezo : Fr. Frk. 2.— plus afranko 20 %. (1935-50).

Petro Danov : La Spirito kaj la Karno. Eldonis Nova kulturo, Sevlievo (Bulgarujo). 67 paĝoj. Formato 14 × 21 cm. Prezo sv. frk. 1.— (1935-51).

*** Kunsido dediĉita al la memoro de Victor Hugo. R. Levin, 55 Av. Felix-Faure, Lyon (Francujo). 10 paĝoj. Formato 21 × 31 cm. Prezo fr. frk. 2.50. Eksterlando fr. frk. 3.— aŭ 2 intern. respondkuponoj, aŭ 2 respondkuponoj de UEA de sv. frk. 0.30. (1935-52).

Philip Oppenheim : Riĉa kaj sen mono. Eldono Brita esperantista-Asocio, 142 High. Holborn. London W.C.1. 222 paĝoj. Formato 15,5 × 20,5 cm. Prezo 3 ŝ. 6 p. + afranko. (1935-53).

*** Jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio. Eldonis Esp. Centra Librejo, 11, rue de Sèvres. Paris 6e. 40 paĝoj. Formato 12. 15,5 cm. Prezo Fr. frk. 2.—. (1935-54).

A. Kenngott : Internacia Serio No. 4 Usono (2). Eldonis Intern. Eldonejo, Helmond (Nederl.) 32 paĝoj. Formato 11 × 15 cm. Prezo Sv. frk. 0.50 (1935-55).

*** Kolin. Eldonis Esperantista Klubo, Kolin (Ĉeĥoslovakio). 16 paĝoj. Formato 11 × 15,5 cm. Prezo 1 intern. respondkupono. (1935-56).

E. Phillips Oppenheim : La ora Ŝtuparo. Havebla ĉe : Brita Esp.-Asocio. 142 High. Holborn. London W.C.1. 278 paĝoj. Formato 12,5 × 19,5 cm. Prezo bind. 3 ŝ 6 p. + afranko 4 p. (1935-57).

*** B E S-a Adresaro. Eldonis BES (Boh. E.-Servo) Potŝtejn, (Ĉeĥoslovakio). 64 paĝoj, Formato 11 × 14,5 cm. Prezo sv. frk. 1.— (1935-58).

Kono-Zyoe: La psalmo de ĝusta kredo. Eldonis Japana Budhana Ligo Esperantista, Kioto. (Japanujo), 32 paĝoj. Formato 13 × 18,5 cm. Prezo 4 intern. respondkuponoj. (1935-59).

*** Kolektis H. Salokannel. Esperanta Kantareto. Eldonis H. Salokannel, Uusikaupunki (Finlando). 16 paĝoj. Formato 11 × 14,5 cm. Prezo Fmk. 3.—. (1935-60).

Stjepan Miŝak : Tra mistera Oriento aŭ miaj memoraroj. 1-a volumeto. Eldonis Stjepan Miŝak, Giritli Mahallesi No. 110, Adana (Turkujo) 42 paĝoj. Formato 8 × 10 cm. Prezo 2 intern. respondkuponoj. (1935-61).

Pierre Petit : Conseils aux groupes Espérantistes. Eldonis : Soc. franc. por la Propag. de Esperanto, 23 rue Notre-Dame des Victoires, Paris Ve. 53 paĝoj. Formato 13 × 20 cm. (1935-62). Prezo ne indikita.

Julie Ŝupichová : Samideana Vortaro. Eldonis Esperanto-Presejo kaj Eldonejo A. Prazak, Jabloné n. Orl. (Ĉeĥoslovakio). 18 paĝoj. Formato 9,5 × 14 cm. (1935-63). Prezo ne indikita.

---

# Recenzoj

*The Esperanto Home Student* de James Robbie. Oka eldono reviziita de Robert Robertson. The Esperanto Publishing Co. Ltd., Londono. 48 pĝ.

Reeldono de malnova angla lernolibreto. Ĝi havas la meritojn kaj difektojn de sia speco : ĝi estas malkara (kvankam la pli ampleksaj lernolibroj de la B.E.A. prezentas relative pli grandan valoron) kaj facile portebla, kaj ĝi ne fortimigas la varbiton per sia dikeco. Aliflanke, oni bezonas lingveman cerbon por mastri Esperanton per tia broŝuro. La metodo estas klasika, kaj la ekzercoj bone kovras la gramatikan terenon.

L. N. Newell, Cairo.

*L'Initiation à l'Espéranto* de Rollet de l'Isle. Dua eldono. Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, 80 pĝ.

Jen la dua eldono de longe provita kaj valorega armilo de niaj francaj amikoj, kiu jam akiris al ili multajn venkojn. Traleginte plian fojon tiun ĉi broŝuron, oni nur povas varme gratuli al nia veterana kunbatalanto, s-ro Rollet de l'Isle, pri lia klara kaj konvinka maniero prezenti la historion de la interlingva movado kaj de Espranto, kaj la argumentojn por nia afero. » L'Initiation à l'Espéranto » restas nepre necesa al ĉiu franclingva propagandisto.

L. N. N.

*Arthistorio* de Antal Hekler. Tradukita el la hungara lingvo de K. Kalocsay. Literatura Mondo, Budapest. 104 pĝ., kun 146 ilustraĵoj sur artpapero.

La Arthistorio de Antal Hekler, traktanta la egiptan, babilonan, asiran, persan kaj eŭropan arton, estas unu el la plej ambiciaj eldonaĵoj, kiuj ĝis nun aperis en Esperanto. Kun siaj 146 bildoj de la plej famaj artverkoj, ĝi estas belaĵo pri kiu ni rajtas fieri ; kaj ĝian aŭtoritatan karakteron garantias la nomo de Antal Hekler, la klera profesoro de arthistorio en la universitato de Budapesto.

La titolo estas iom erariga ; ĝi estas nur *parto* de arthistorio, forlasanta tute la arton de Ĥinujo, Japanujo, Hindujo kaj Pra-Ameriko. Ĝin sekvos, laŭ aludo en la antaŭparolo, pluaj volumoj kiuj pritraktos tiujn fakojn kaj ankaŭ la modernan arton.

La aŭtoro montras la naskiĝon kaj evoluon de la artistaj konscio kaj talento en la diversaj partoj de la antikva mondo ; kaj la ekzemploj kiuj ilustras ĉiun landon kaj epokon estas majstre elektitaj. Eĉ pli valore, la aŭtoro scias ĉizi la luman frazon, kiu fulme komprenigas la esencan karakteron, la spiriton de ĉiu artformo en ĉiu epoko — talento malofta eĉ ĉe la plej sinceraj artamantoj.

Plue, li indikas koncize, sed sufiĉe klare, la interefikadon aŭ derivadon de la diversaj stiloj. Precipe bona en la fruaj ĉapitroj estas la maniero laŭ kiu li sekvas la gradan evoluon de la skulpto kaj arkitekturo, kaj rilatigas ilian progreson kun nove eltrovitaj materialoj kaj kun la eksperimentoj kaj pli vastaj konoj de la artistoj.

Tamen, oni povas sin demandi, ĉu la sekcioj pri la egipta, babilona, asira kaj persa arto estas sufiĉe ampleksaj, ĉu oni povas ilin plene profiti, se oni ne havas jam grandan scion pri la koncernaj stiloj kaj epokoj. Sendube en tiu demando troviĝas unu el la difektoj komunaj al ĉiuj arthistorioj, kiuj ne atingas monumentan amplekson. Ĝi estas problemo pri celo kaj proporcio ; kaj oni ne rajtas plendi pri poŝvortaro, ke ĝi ne estas enciklopedio.

La ĉapitroj pri la greka, roma, mezepoka kaj gotika arto estas pli komprenigaj, ĉar ili temas pri artaĵoj pli familiaraj, kiujn ni havas ĉiam sub la nazo. Sed la aŭtoro sentigas al ni pli klare, ol kutime, ke tiuj artoj estas unu : la pasinteco ja vivas ankoraŭ en ni ; kaj ni, per lia helpo, pasas facile en la animojn de tiuj malaperintaj, tro ofte anonimaj, artistoj.

Resume, la verko mem estas valorega pritrakto, kiun deziros posedi ĉiu Esperantista artamanto ; sed eĉ se oni ne estas studema, la bildoj solaj meritas, ke oni aĉetu la verkon. Ili ĝuste reflektas la spiriton kaj kapablojn de ĉiu skolo ; kaj mi persone tre ĝojis, retrovante kelkajn malnovajn kaj tre amatajn amikojn : ekzemple, la ligna Vilaĝestro aŭ Labor-Inspektoro de la V-a dinastio ; reĝino Nofretete, tiu nobla kaj mistera virino ; Hestia Gustiniani ; la Doryphoros

de Polykletos; kaj la Infano gorĝpremanta Anseron (kial la antikvuloj maloftege sukcesis pri la prezento de infanoj?). Kaj al Antal Hekler mi dankas kelkajn novajn amikojn, kiujn indas la malnovajn : Ekkehard kaj Uta, el Naumburgo; la Rajdanto el Bambergo; la Juna Virino (bildo 95), nun en la Atena Muzeo. Nepre ĉiu leganto trovos en tiu ĉi volumo novajn vivkunulojn.

La traduko estas bonega, plejparte flue komprenebla; tion garantias la sperto kaj talento de Kalocsay. Tamen mi trovis kelkajn dubindaĵojn, el kiuj la jenaj estas la plej ĝenaj : *Egipto, egiptano* (anst. *Egiptujo, egipto*); *centjaroj* flanke de *jarmilo* (anst. *jarcentoj*); *ĉarmantaj artmemoraĵoj* (anst. *ĉarmaj*); *bazo-reliefo* (verŝajne *malalt-reliefo*). Interesaj esprimoj estas *figuri* (« reliefoj figurantaj leonĉasadon »); kaj *vejnita ĥitono*, t.e. *vejnhava* (kp. kun la angla formo kun *-ed*, ekz., *walled*, murhava; *black-coated*, portanta nigran jakon, « nigra-jakita »).

Sed la traduko de tia teknika verko estas kolosa tasko; kaj dank'al la antaŭa laboro de S-ro Azorin, D-ro Kalocsay estas brile triumfinta.

L. N. N.

*Infanoj en Torento de Stellan Engholm. Eldonis « Literatura Mondo », Budapest, 116 pĝ.*

Kiam la unua ekzemplero de « Al Torento » alvenis Anglujon, mi avide legis ĝin, kaj tutkore ĝojis pri la apero de nova talentoriĉa aŭtoro en Esperanto. Tiu verko estis elstara okazintaĵo en la historio de nia literaturo.

Sed eĉ meze de tiu ĝojo, mi konsciis en mi du demandojn kial ni nenion aŭdis antaŭe pri tiu ŝajne matura verkisto; kaj ĉu, elfosinte la aŭtobiografian minejon, li povos sukcese transiri al novaj temoj ?

« Ĉiu homo havas en si la materialon por almenaŭ unu bona romano ». La nova romano de Stellan Engholm, « Infanoj en Torento », respondas la unuan demandon : lia stilo estis matura tial, ke li elverŝis en vortoj la revotrezoron de multaj jaroj; lia unua estis tiu bona romano, kiun havas en si ĉiu homo.

Mi hezitas formi respondon al la dua demando, nur pro la atesto de « Infanoj en Torento ». Sed lia antaŭa verkaĵo estis tiom altnivela, ke ni deve taksas lin laŭ la plej bonaj kriterioj; kaj pro li, kaj pro nia literaturo, ni devas esprimi nian timon.

« Infanoj en Torento » prezentas scenojn el la vivo de kelkaj malriĉaj infanoj, kaj priskribas la ruiniĝon de la urbeto dum la ankoraŭ daŭranta krizo ekonomia. Mankas kontinua rakonto, kaj la aŭtoro apenaŭ provas komprenigi la burĝonadon de karaktero. Plejparte la vidpunkto estas tiu de infano, eĉ la stilo estas infane simpla. La aŭtoro konsekvence ne analizas motivojn, precipe de plenkreskuloj; ekzemple, en la lukto de la patro kaj patrino de Alda kun ties amatino, la tuta efiko estas ligneca, kaj la figuroj moviĝas kvazaŭ marionetoj.

La tuto ŝajnus esti « blanka romano » (laŭ la frazo de Baghy), se oni ne trovus kelkloke la influon de Kenelm Robinson, precipe en kelkaj konversacioj de lernejanoj pri fivortoj.

El Svedujo nenio nova. Mi ektimas, ke Stellan Engholm eluzis sian solan temon, la aŭtobiografion. Se vere, tio estus granda perdo por nia literaturo; kaj tamen, tamen — la observo en « Al Torento » estis tiom akra, la kompreno al gejunuloj tiom profunda, la sento pri belo tiom riĉa, ke mi ankoraŭ ne povas kredi la vulkanon malvarma. Kaj ni angore atendos lian proksiman romanon.

Ni intertempe estu kontentaj. Stellan Engholm donis al ni interesan romaneton, kiu neniam agacas, eĉ dum unu momento, nian lingvosenton — ĉu pli granda laŭdo estas necesa ? La stilo estas tre simpla kaj klara, perfekta legaĵo por kursfina legado.

L. N. N.

SANGO kaj SABLO. De *Vicente Blasco Ibáñez*, tradukita de Ramon de Salas, Zaragoza. Eldonis Aragona Esp. Federacio 1935, 232 pĝ.

Kiu ne havis okazon ĝis nun legi tiun ĉi verkon en la originalo aŭ eltiron nacilingvan el ĝi de tiu plej fama verkisto moderna de Hispanujo, nun povos tion fari en Esperanto. La aŭtoro estas majstra priskribanto de popolo, kutimo, moro, ludo, doloro, ĝojo, spirito kaj animo hispana. Kristalklare, alloge, impone, kvazaŭ vivante, prezentiĝas al ni Hispanujo en lia verko. Pri lia eminenteco ekzistas nur unuanimeco ĉe ĉiuj konantoj. Ne estas mirige, ke ankaŭ en eksterlando la nombro de liaj amikoj estas grandnombra. La tradukinto majstre kaj elegante, en malfacilaj kazoj ekstreme lerte, prilaboris tiun ĉi faman verkon. Ĝi estas plena de aro da teknikaj esprimoj, kiuj evidente necesigis cerbumadon sufiĉe longan. Restis nur iuj, detaletoj, kiuj estas kritikindaj laŭ gramatika aŭ lingva vidpunktoj. Kiel tuto la verko estas bonega kaj gratulinda eldonaĵo. Ĝi meritas imiton por pligrandigo de l' vere valora literaturo en nia lingvo. Parenteze ni aldonas, ke papero, tipografio kaj plurkolora kovrilo (kun tipaj hispanaj scenoj) estas unuaklasaj. Resume : verko, kiu ne nur ornamas la libroŝrankon, sed kiun oni devas aĉeti por esti inter ĝiaj legintoj.

N. C.

*La Morea Perlo, « Ideala Esperanto-Biblioteko ». (Esp. Presejo, Helmond (Nederl.) Vol. N° 2, 223 pĝ.)*

Evidente nia publiko ankaŭ bezonas kriminalan literaturon. Nia lingvo ankaŭ taŭgas por tiu ĉi sfero. La libro tamen enhavas nur romanon parte sensacian, plej parte simplan; tian oni legas, kiam oni emas nur distri kaj ne pensi multe. La traduko ĝenerale estas bona kaj flua. Oni legas ĝin facile. Kelkaj nederlandismoj estas rimarkeblaj en ĝi. La uzo de akcentanta, « jes » ne estas kutima, ekz. « Mi jes scias » anstataŭ « Mi ja scias »; aliaj manketoj estas la ne-regula uzo de l'korelativoj, de « tiu », anstataŭ « tiu ĉi » aŭ « ĉi tiu »; « Ne estas, kion mi imagas « anstataŭ : ne estas tio, kion mi imagis. La kritikindaĵoj ne estas multaj, kompare al la amplekso de la verko. Sed kial la tradukinto suverene ignoras tra la tuta libro la uzon de la akuzativo de l'direkto, post la prepozicioj « sur » kaj « en » ?. Aranĝo, papero kaj preso de la libro estas kontentigaj, proporcie al la malalta prezo. Nur la kriminal-bildo de la kovrilo estas en ega kontrasto al la nomo de la serio.

R. Kr.

## Societo de Orienta Kulturo

Societo de Orienta Kulturo, kiu celas diskonigon kaj disvastigon de Japana kaj Orienta Kulturo per *Esperanto*, serĉas kunlaborantojn kaj agentojn en ĉiuj landoj tra la mondo. S.O.K. (soko) kulturas kaj fosas en ĉiuj kampoj de la orienta kulturo, kaj eldonas kvaronjaran organon, « Orienta Kulturo » — orientalisma revuo, jaran Bultenon kaj librojn pri Japana kaj Orienta Kulturo.

Ĉiu vera esperantisto komprenu la gravan signifon de la celo de S.O.K. Ĉiu samideano, lerta aŭ mallerta, specialisto aŭ ne, povas nin helpi en nia laboro. Se vi ne havas tempon por la kunlabora aŭ agenta servo, vi tamen povas helpi per aliĝo al S.O.K. Ni atendas vian samideanan subtenon. La membrokotizojn ni uzas en la elspezo kaj propagando de S.O.K.

La kotizoj por unu jaro estas :

Pasiva membro, 4 svisaj frankoj (ricevas nur la organon).

Aktiva membro, 6 sv. frankoj (la organo kaj la bulteno).

Subtena membro, 10 sv. frankoj (la organo, la bulteno kaj unu eldonaĵo).

Speciala membro, 20 sv. frankoj (ĉiuj eldonaĵoj).

Grupo pagu minimume 10 sv. frankojn.

Ni petas vin sciigi pri la celo kaj la laboro de S.O.K. la aliajn esperantistojn en via urbo, kaj instigi ilin aliĝi. Skribu tuj kaj sendu viajn aliĝon kaj kotizon al *Societo de Orienta Kulturo, Komagome-Dozaka* 326, TOKIO, Japanujo.

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

### Senefika instruo

*Paroladisto:* (je la fino de parolado, aplombe) : Kaj nun, karaj fratoj, kio plej terura estas imagebla ol la drinkado... !

Raŭka voĉo aŭdiĝis el la aŭdantaro : « la soifego ! »

### Skota sonĝo

*Knabo* : « Paĉjo, mi sonĝis, ke mi trovis sespencan moneron ».

*Patro* : « Ĉu vere ? Nu, ĉar vi estas tiel saĝa knabo, gardu ĝin ».

### Atavismo

*Mastrino* : « Manjo, kial nur vi ĉiam jetfermas la pordojn ».

Servistino : Senkulpigu min, mia patro estis konduktoro ĉe la fervojo.

### Miskompreno

Artisto : (al riĉa parvenuo) Ĉu mi pentru vin vestita per frako ?

Parvenuo : « Ho, tute ne ĝenu vin — simple portu vian pentristan kitelon



## INTERNACIA KORESPONDADO

**Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.**

**Mallongigoj :**

| | | |
|---|---|---|
| *c.r.:* certe respondos. | *k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj. | *PI:* poŝtkarto ilustrita. |
| *dez.:* deziras. | *kor.:* korespondi. | *PK:* poŝtkarto. |
| *f-ino:* fraŭlino. | *L.:* Letero. | *PM:* poŝtmarko. |
| *gaz.:* gazeto. | *p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo. | *s-ino:* sinjorino. |
| *intŝ.:* interŝanĝo. | | *s-ro:* sinjoro. |

*Moskvo* (U.S.S.R.).
S-ro Nikolao N. Ŝaŝkin, Ĉistje prudi d. No. 9, kv. 1, intŝ. L, PI, jurnalajn artikolojn.

*Letchworth* (Anglujo).
F-ino F. M. Bartholomew, 154 Wilbury Road, dez. kor. kun norvegaj samideaninoj.

*Funchal* (Madeiro).
S-ro H. T. Gomes de Freitas, Rua 31 de Janeiro 141, intŝ. PM kun Baltaj, Balkanaj kaj ĉiuj Ekstereŭropaj landoj perkvante aŭ Yvert. Ne sendas unue.

*Gobergiškė, Laugaliai* (Litovio).
S-ro Martynas Stančius serĉas viglan kaj interesan korespondadon kun fraŭlinoj el Svislando, Germanujo, Svedujo kaj Baltaj landoj.

*Gobergiškė* (Litovio).
St. Praraja, Klaipėda. Memellanda poeto dez. kor. kun literaturistoj, poetoj kaj jurnalistoj.

*Turnov* (Ĉeĥoslovakio).
S-ro Jan Otmar, ĉe fir. Tokan, Námesti, dez. intŝ. PM, 100 kontraŭ 100 ĉeĥosl. — Kor. ankaŭ france, angle, germane.

*Rákospalota* (Hungarujo).
S-ro E. Fukasz, Bocskay-u. 58, 100-200 PM kontraŭ sama kvanto, event. per aerpoŝto. C.r. k.ĉ.l.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 924-10-35.